# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO
— JUNIO-AŬGUSTO 1948 —

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

DIREKTORO : Maur. JAUMOTTE
44, De Bruynlaan, 44
WILRIJK

Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto : — Voor alle inlichtingen over Esperanto :
— 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento) —

# RENASKIĜO

Kiam, tuj post la milito, la Prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj kelkaj malnovaj samideanoj decidis restarigi la movadon en nia lando, ili opiniis ke kion niaj antaŭmilitaj kunlaborintoj kaj apogintaj plej urĝe bezonis estis iu ligilo, kiu, laŭ ili, ne jam povis esti nia iama revuo « BELGA ESPERANTISTO », ĉar la kunlabor-eblecoj ne jam estis sufiĉe vastaj kaj ankaŭ ĉar la nombro de re-aliĝintoj aŭ tuj realiĝontoj ne estis sufiĉe grava por permesi la eldonon de bela revuo.

Tial aperis, de tiam kaj ĝis nun, nur « BULTENO » de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

La formato de tiu Bulteno estis la sama en kiu hodiaŭ, aperas al vi la renaskiĝinta « BELGA ESPERANTISTO » kaj tre verŝajne tiu ĉi aspekto kaj amplekso ankaŭ estos konservataj ĝis la fino de tiu ĉi jaro.

Sed jam de nun, post nia Belga Kongreso de Charleroi, kies sukceso estis ankoraŭ pli granda ol tiu de Antverpeno, post bonegaj kunsidoj ĝeneralaj kaj estraraj en Bruselo, la gvidantoj de la Ligo tamen volas reaperigi la bultenon sub la antaŭa kaj tiel bone konata nomo de « BELGA ESPERANTISTO ».

Tio estu kiel instigilo al nova kaj plia laboro; tio estu kiel promeso, ke baldaŭ nia daŭre plifortiĝinta Ligo kapablos denove prezenti al sia membraro kaj al sia legantaro revuon en la vera senco de la vorto; revuo en kiu ĉiu trovos, ne nur la oficialajn informojn pri la Liga vivo kaj la Esperanto-vivo en la mondo, ne nur propagandajn artikolojn en nacia lingvo aŭ en Esperanto, sed ankaŭ ĉion, kion li povas esperi trovi en tia revuo.

Tio estas efektivigebla kaj tio estos efektivigata, sed NUR kun via ĉies kunhelpo.

Ke ĉiu faru sian devon; ke ĉiu pagu akurate sian kotizon kaj, plej grave, ankaŭ zorgu ke aliaj, amikoj kaj konatuloj, pagu ĝin se ili jam estas esperantistoj, aŭ aliĝu al nia movado, se ili estas nur varbotuloj.

Se ĉiu volas al tio helpi, nia movado rapide denove restaros sur firma bazo kaj ĉiuj esperoj estos al ni permesataj.

Maur. JAUMOTTE.

ESPERANTISTOJ, DISKONIGU ESPERANTON, LEGIGANTE DE KONATULOJ VIAJ LA NACILINGVAJN TEKSTOJN DE NIA BULTENO.

EN CHARLEROI

# Bele sukcesinta 32a Belga Kongreso

La novaĵojn, kiujn la estraranoj de la diversaj grupoj kiuj prizorgis la aliĝojn de siaj membroj al la 32a Belga Kongreso de Esperanto, ricevis, la lastajn tagojn, de la L. K. K. estis vere vigligaj : La Kongreso en Karloreĝo havos pli da membroj ol la 31a en Antverpeno, kiu tamen estis brilega sukceso.

Estis do kun gajaj mienoj, ke la kongresontoj alvenis sabate posttagmeze en la akceptejon, sur la unua etaĝo de la « Hôtel de l'Espérance », tute apud la stacidomo, je la alia Sambro-bordo kaj je kies fasado flirtis la verda standardo.

Tie ĉi ili estis same gaje bonvenigataj de la gvidantoj de la L. K. K. kaj de ties sindonemaj gehelpantoj.

S-ro Adv. André Juste, prezidanto de la loka grupo « La Ankro », havis por ĉiuj afablan vorton kaj S-ro P. Paulus, kaj ties familianoj zorgis por ke, post kelkaj momentoj, ĉiuj estis ricevintaj koverton kun ĉiuj paperoj necesaj kaj ĉiuj mendiloj, por kiuj ili pagis.

Kaj post kiam ĉiuj estis formetintaj en sia hotelĉambro la valizon, ili rekuniĝis, je la sesa en la sama salonego, kie tuj komenciĝis la unua laborkunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista, dum kiu S-ro Juste, en tre lertaj, spritaj kaj precipe koraj vortoj, salutis la ĉeestantojn.

D-ro Kempeneers, prezidanto de la Ligo, malfermis la Kongreson kaj, kun S-roj Jaumotte, vicprezidanto, kaj Van de Velde, ĝenerala sekretario, klarigis kelkajn aspektojn de la Esperanto-vivo en la lando kaj en la mondo. Iom detale respondoj estis donataj al diversaj demandaj rilate al propagando kaj por-esperanta laboro en nia lando. Tuj poste kaj kun la sama aŭskultantaro, sekvis kunsidoj de la delegitoj kaj membroj de U. E. A. kaj de la akciuloj kaj simpatiantoj de Belga Esperanto-Instituto.

S-roj Georges Van den Bossche, ĉefdelegito, kaj Jaumotte, administranto-prezidanto de la Instituto, gvidis tiujn du mallongajn kunsidojn kaj priparolis la situacion rilate al la du institucioj, kiujn ili reprezentas.

Intima vespermanĝo en la hotelo mem finis tiun unuan kongresparton kaj, je la oka, ĉiuj denove kunsidis en intima interkonatiĝa vespero, dum kiu la partoprenantoj el la diversaj urboj kaj regionoj de la lando havis la okazon babili kaj intimiĝi... Kaj la « interkonatiĝa » celo de tiu ĉi kunsido vere ne estis vana, ĉar, neniam antaŭe eble, tiu celo estis tiel bone atingata kiel en tiu ĉi Kongreso, grandparte certe dank'al la aktiva partopreno de la Prezidanto de la L. K. K., S-ro Juste, kiu vere senlace helpis al la vigligo kaj agrabligo de tiu kunsido.

Diru ni, ke D-ro Kempeneers unue montris kaj parte re-montris filmojn de antaŭaj kongresoj naciaj kaj internaciaj kaj de diversaj aliaj esperantaj okazintaĵoj, per kiuj, ĉiuj havis la okazon revidi bonajn amikojn, inter kiuj, ve, kelkaj jam por ĉiam malaperis !

Al la koncerta parto helpis unue S-ino Elly Staes, kantistino, akompanata ĉe la pianoforto de S-ro Van der Stempel, kiu ankaŭ aparte ludis diversajn belajn ariojn, kaj poste la baritono Jean-Benoit Pestiaux, de la Reĝa Teatro de Bruselo, kiun piane akompanis S-ino Paulus.

La kvar geartistoj, kaj kompreneble tutspeciale S-ro Pestiaux, kiun la Prezidanto de la L. K. K. cetere aparte dankis ĉar li speciale vojaĝis Karloreĝen por tiu koncerto, estis longe kaj fajre aplaŭdataj.

Kaj sekvis intima dancado, kiu daŭris ĝis longe post noktomezo.

### La dimanĉaj okazintaĵoj.

Jam tre frue, la plimulto el la Kongresanoj ellitiĝis por esti akurate en kapeleto de la Willy Ernst-strato, kie estis okazonta la Di-servo por la katolikaj partoprenantoj, kun prediko en Esperanto.

Pastro De Corte, kiu, laŭ sia propra diro, estas nur komencanto en la efektiva praktiko de nia lingvo, faris la tradician predikon

Ni diru tuj, ke tiuj kiuj aŭskultis lin, tre certe nenion rimarkis pri novvarbiteco, kiu tamen permesis puran elparoladon kaj fluan eldiron de la frazoj.

Kune, ĉiuj tiam direktis siajn paŝojn al la Urbdomo, kie unue okazis vizito de la mirinda konstruaĵo. Ĉiuj piede kaj lifte iris ĝis la supro de la Turo kaj, laŭ invito de gvidanto, promenadis de unu salonego al alia, de la Teatro al la kunsidejo de la urba konsilantaro, al la edziĝa salonego, k. c.

Ĉie S-ro Jaumotte tuj tradukis la klarigojn donitajn.

En la speciala ejo por paroladoj, sekvis nun la Oficiala Kongreskunsido, prezidata de D-ro Kempeneers, prezidanto, kiun ĉirkaŭis ĉe la estrara tablo S-ro Adv. Juste, prezidanto de la L. K. K., F-ino Ant. Jennen kaj S-ro M. Jaumotte, gevicprezidantoj, kaj S-ro Cl. Van de Velde, ĝenerala sekretario, dum S-ro Tassin, kasisto, kiu mem estis organizanta kongreson en sia urbo kaj vizitis nian Kongreson sabatvespere, ne povis ĉeesti dimanĉe.

S-ro Kempeneers bonvenigis ĉiujn, memorigis la mortintojn de la pasinta jaro kaj donis detalajn klarigojn pri la nuna situacio de nia movado. Li dankis la L. K. K., — en kies nomo S-ro Juste estis diriuta kelkajn bonvenigajn vortojn, — kaj kiu tiel akurate organizis kaj aranĝis ĉion. Li ankaŭ havis kelkajn dankemajn vortojn por siaj kunlaborantoj en la estraro de la Ligo, pro la laboro de ili farita dum la jaro.

F-ino Jennen atentigis pri la fakto ke, en la ĝeneralaj dankvortoj, unu persono estis forgesata, la Prezidanto mem kaj ŝi aplaŭdigis la nomon de D-ro Kempeneers.

Franca partoprenanto S-ro Curnelle alportis la saluton de la eksterlandaj samideanoj.

Post interesaj klarigoj de S-ro Van de Velde pri la propagando kaj alvoko al ĉies kunlaboro kun la estraro, S-ro Jaumotte memorigis Panjon la Kason kaj organizigis monkolekton, kiun prizorgis S-ino Plyson, helpa kasistino, kaj kiu donis la kontentigan rezultaton de Fr. 1.436,35.

Kaj S-ro Jaumotte daŭrigis per sia tradicia « konstruo de Honora Kolono » por la Kongreso 1949, kiu okazos en ne jam difinita urbo de la Flandra landparto.

Kaj malgraŭ tiu fakto, ke oni ne jam decidis, kien kondukos nin niaj paŝoj, 33 partoprenontoj tuj sin enskribigis por tiu 33-a Kongreso.

S-ro Sielens, kiu akceptis la enskribojn, havis cetere, dum la sekvontaj horoj ankoraŭ la okazon enskribi pliajn fidemulojn (samtempe fidelulojn), kiuj, jam de nun, volas apogi la klopodojn de la naskiĝonta L. K. K.

Kaj je tagmezo la kongresanoj estis akceptataj oficiale de la urbestraro, en la kunigitaj konsilantara kaj edziĝa salonoj.

Skabeno Escarmure senkulpigis la urbestron, tre malsanan, kaj S-ro Juste prezentis al li la ĉeestantojn. Li dankis samtempe la urbestraron pro la multaj montroj de aprobo kaj la konkreta helpo, kiun ĝi donis al nia movado.

Ni memorigu, ke la urbestro S-ro Joseph Tirou akceptis la honoran prezidantecon de la Kongreso, kun la Skabeno de Publika Instruado Jacques Ligot kaj la Prezidanto de la loka Ruĝa Kruco Léon Rousseaux, kiel vicprezidantoj.

S-ro Kempeneers tiam paroladis jene :

Monsieur l'Echevin,

Les membres du XXIIme Congrès Belge de l'Esperanto vous remercient d'avoir bien voulu les recevoir dans ce bel Hôtel de Ville.

Ce n'est pas la première fois que les autorités communales de Charleroi nous témoignent leur bienveillance. En 1911 déjà, elles recevaient les membres du IIIme Congrès Belge, organisé dans votre ville, et en 1938 les participants au XXIXme Congrès se retrouvaient ici même, et j'avais l'honneur d'être leur interprète.

Dix ans ont passé depuis. Ce furent dix années pénibles, lourdes de signification dans l'histoire de l'humanité, dix années au cours desquelles la cause que nous défendons passa, par la force des choses, à l'arrière-plan des préoccupations et parut même, à quelque moment, en bien grand danger. Un grand peuple avait occupé la majeure partie de l'Europe, il avait l'espoir de conquérir le monde; un des signes les plus tangibles de sa domination était la

présence, sur tout document officiel, d'une troisième langue, en fait la première, aux côtés de nos deux langues nationales.

Vint la libération. La guerre n'était pas finie. D'autres soucis — nous nourrir, nous vêtir, relever nos foyers, remettre nos industries en marche — nous assaillaient. Une langue internationale? A quoi bon? N'avions-nous pas l'anglais, la langue de nos vaillants libérateurs, langue que tant d'entre nous avaient apprise en cachette, le soir, sous la lampe, avec l'espoir qu'elle nous permettrait bientôt de crier notre reconnaissance à nos chers alliés...

Mais nous avons appris un jour que le gouvernement anglais soutenait de ses deniers une campagne publicitaire menée en faveur d'une sorte d'anglais simplifié, le « basic english ». Les racines, en nombre limité, dont se compose son vocabulaire, permettaient, disait-on, l'expression de toutes les idées. Cette sorte d'impérialisme linguistique parut un peu déplaisante; pourquoi pas le « français de base », le « grunddeutsch » ou même, qui sait, le « grondvlaamsch »?

Ce fut un feu de paille. Il paraît qu'on a voulu mettre en « basic » les discours de Winston Churchill, qui s'était fait, d'ailleurs, l'avocat de cet idiome. Le traducteur est resté court à la phrase, devenue fameuse : « ... du sang, de la sueur et des larmes... » (blood, sweat and tears...). En « basic », cela donnait quelque chose comme : blood, body water and eye wash...

Entretemps, les Esperantistes avaient repris leur propagande. Les relations s'étaient renouées entre ceux des pays anciennement occupés et ceux des pays libres. Tous restent convaincus que l'Esperanto constitue la seule solution acceptable du problème de la langue internationale, dont, dans une allocution radiodiffusée voici quelques jours, M^me^ Roosevelt montrait encore toute l'importance.

La coopération internationale devient chaque jour plus étroite; il y a Benelux, il y a les projets de fédération de l'Europe Occidentale, il y a l'O. N. U. Cette organisation mondiale discute les grands problèmes internationaux, dont dépend le sort des peuples. Des journalistes nous ont décrit le gaspillage d'argent, de temps et de moyens techniques que représente le fonctionnement d'une telle organisation. Des systèmes de traduction, simultanée ou non, y sont en usage. L'obligation d'accorder un traitement égal à plusieurs langues officielles allonge la durée des débats, augmente les risques d'erreurs et de malentendus.

S'ils s'en étaient donné la peine, ses dirigeants auraient pu voir, au Congrès Universel de l'Esperanto, qui s'est tenu en août dernier à Berne, l'application pratique de l'Esperanto. Ils auraient pu voir treize cents personnes, venues de trente-cinq pays différents, n'appartenant pas toutes — loin de là — aux classes intellectuelles, discutant de problèmes divers, et quelquefois très ardus, de façon directe, rapide, sans l'aide d'aucun traducteur. Ils les auraient retrouvées, en dehors des séances, remplissant les cafés, les restaurants, les tramways, et les faisant retentir des accents de l'Esperanto. Peut-être auraient-ils été convaincus. Ils auront la possibilité de faire la même expérience cette année, à Malmoe.

Nous croyons fermement que le fait de posséder une langue commune est un puissant moyen de rapprochement. Nous croyons que tous les hommes sont égaux, quelles que soient la couleur de leur peau, la religion qu'ils professent et la langue qu'ils parlent.

Et nous sommes convaincus que sur ce terrain l'égalité ne peut être réalisée que par l'adoption d'une langue auxiliaire internationale, appartenant également à tous sans être la propriété de personne, telle que l'Esperanto.

Les problèmes de compréhension linguistique ne se posent pas seulement dans les organisations internationales. Dans une ville telle que Charleroi, nombreux sont les habitants d'origine étrangère, multiples sont les langues utilisées; la tour de Babel se dresse à côté de vos terrils.

Je suis convaincu, Monsieur l'Echevin, que vous comprendrez d'autant mieux nos aspirations et notre idéal, et que vous soutiendrez dans ses efforts le groupe espérantiste local. Je vous en exprime toute la gratitude de la Ligue Royale Esperantiste Belge, et des participants de ce XXXII^me^ Congrès Belge de l'Esperanto.

Kaj fine Skabeno Escarmure bonvenigis la kongresanojn, diris ke liaj kolegoj kaj li mem estas fieraj akcepti, por la tria fojo jam en la salonegoj de la urbdomo, Esperantistojn venintajn el ĉiuj partoj de Belgujo; li substrekis kiamaniere, en la estinteco, la urbestraro helpis kaj apogis la propagandistojn lokajn kaj promesis, ankaŭ por la estonteco, ke ĝi ĉiam staros flanke de la

gvidantaro de « La Ankro » kaj do ankaŭ de Belga Ligo, por antaŭenirigi la ideon de Esperanto.

Kaj tiu akcepto finiĝis per la rondirigo de la honorvino, dum la Skabeno levis sian glason je la bonfarto de ĉiuj en la salono kaj de la movado, kiu ilin kunigas.

Komuna fotografado sur la ŝtuparo de la Urbdomo kaj demeto de florgarbo antaŭ la Monumento al la Militmortintoj sekvis, inda konkludo de tiu ĉi bele sukcesinta antaŭtagmezo.

**Dimanĉa posttagmezo.**

Je la unua, granda nombro de Kongresanoj partoprenis la komunan tagmanĝon en « Hôtel de l'Espérance », post kiu ĉiuj iris al la tramoj, por la vizito de la « Usines Métallurgiques du Hainaut » (la Henegoviaj Ferfandejoj).

Akceptataj de S-ro Raoul Eloy, ĝenerala sekretario de la Societo kaj de kelkaj pliaj inĝenieroj kaj fakestroj, la kongresanoj dividiĝis en grupetoj por pli facila rondirado kaj klarigado de la labormaniero en la diversaj sekcioj de la produktado.

Lerniga, kvankam malfacile rakontebla, tiu ĉi vizito interesis ĉiujn partoprenintojn, kiuj poste refreŝiĝis en la salono de la Klubejo de la Societo, kie la Sekretario diris kelkajn afablajn vortojn, en kiuj li tamen trovis la okazon diri sian fidon en nia idealo.

Kaj jam estis tempo por la reveturo kaj la pretigo al la Festeno.

**La Festeno.**

Ĉe la honortablo sidiĝis la estraranoj de la Ligo kun la Prezidanto de la L. K. K kaj, inter ili, la edzinoj kaj aliaj fidelaj membrinoj.

Dum la pladoj sekvis unu la alia, junaj kaj ĉarmaj dancistinetoj de la urbaj lernejoj, gvidataj de S-ino Lejeune, montris en plej allogaj kostumoj ĉiam diversaj kelkajn harmoniplenajn kaj bongustajn dancnumerojn, kiuj vekis longan kaj rean aplaŭdon, kiam la gvidantino ricevis, kun kelkaj laŭdvortoj de S-ro Juste, belan florgarbon, dum bonbonoj rekompencis la junulinojn.

Poste S-ro Kempeneers leviĝis por la toasto al la Regnestro Princo Karolo, al kiu, jam antaŭtagmeze, estis sendata telegramo.

Sekvis pliaj toastoj de S-ro H. Castel al la sinjorinoj, kun respondo de S-ino H. Schoofs, kiu speciale ankaŭ dankis la Karloreĝaninojn, edzinojn kaj fianĉinojn de L. K. K.-anoj, kaj kiuj tiel senlace helpis al la finsukceso de tiu ĉi kongreso.

S-ro De Kegel trinkis je la bonfarto de la ĵurnalistaro kaj S-ro Sielens respondis, komprenebla en Esperanto, kaj invitis la grupestrojn ankoraŭ pli multe peti la helpon de la gazetoj, kiuj ĝenerale ne rifuzos.

Fine S-ro Jaumotte elparolis la eble tradiciajn, sed tiun ĉi fojon, pli ol iam meritajn gratulvortojn al la L. K. K., al S-ro Juste, la ĉiam bonhumora prezidanto kaj al ĉiuj liaj kunhelpantoj, inter kiuj ni tamen speciale citu S-ron Paulus, la kasiston kiu tiel bone prizorgis la aranĝojn por la eksterurbaj kongresanoj, dank'ankaŭ al helpo de edzino kaj gefiloj.

Kaj S-ro Juste tre spirite respondis, dirante ke nun neniam plu estingiĝos la lumingo de Esperanto en Karloreĝo kaj promesante ke « La Ankro », la loka grupo, en la estonto ankoraŭ multe pli ol iam, efike laborados por nia komuna idealo.

Kaj pri la dancado kiu sekvis kune kun hor- kaj kantparto, ni ne multe rakontos. Diru ni, ke dank'al la kunlaboro de samideanoj el diversaj partoj de la lando kaj kiuj ekrememorigis al si la malnovajn antaŭmilitajn kantojn, iĝis por ĉiuj plej agrabla vespero.

Plej feliĉiga fakto estis, ke el la diversaj regionoj venis al tiu ĉi kongreso aro de junaj esperantistoj, kiu havis efektivan rolon en tiu ĉi gaja parto kaj mem certe same bone amuziĝis, kiel ili interesiĝis pri la aliaj programeroj.

**La Lunda ekskurso.**

Lunde matene, la bela vetero kiu regis dum la tuta kongreso, ankaŭ akompanis la kongresanojn al Loverval, celo de la lunda ekskurso.

# Tegenwerpingen

Het is begrijpelijk dat iemand die weinig of niet ingelicht is over Esperanto, twijfelt aan de mogelijkheid deze taal gewoon te gebruiken voor alle mondelinge en geschreven internationale betrekkingen.

Doch het is niet aannemelijk dat intellectuelen, geleid door een zeker philologisch chauvinisme, het Esperanto willen beoordelen en veroordelen, zonder er voorafgaandelijk grondig kennis mede te hebben gemaakt. « Erari home estas », luidt de esperanto-vertaling van het latijns spreekwoord. Hoge leden der « Académie de Médecine » hebben destijds wel te Parijs bijzonder heftig de gedachten van Pasteur bestreden, uit naam van hun wetenschap !

Men hoort soms zeggen : het esperanto zal niet voortleven want het is « kunstmatig », en, « niet levende zijnde », komt zijn strakheid in botsing met het « leven der spraak ». Wat al ijdele woorden.

Het Esperanto is niet kunstmatiger dan de zogezegde « natuurlijke talen ».

Zijn deze « kunstmatig » geworden omdat, vele eeuwen geleden, wijze denkers hun het alfabet gegeven hebben, dat zeker niet ontsproten is uit de volkstaal ? Omdat personen van hoge ontwikkeling ze van echte volksidiomen tot letterkundige talen hebben gemaakt? Omdat deze talen zekere moeilijkheden weggelaten of verminderd hebben, moeilijkheden die bestonden in de oude talen waaruit zij voortspruiten, zoals spraakkundige geslachten, talrijke verbuigingen en vervoegingen, ingewikkelde meervoudsvormen, enz. ?

Is het wel « natuurlijk » dat de schrijfwijze zo in tegenstrijd gekomen is met het beschaafd gesproken woord ? De Belgische Regering heeft zich met de Nederlandse Regering verstaan om de Nederlandse taal te vereenvoudigen. Wordt deze aldus « kunstmatig »?

De moderne talen nemen uit vreemde talen zekere woorden; zij gebruiken een aanzienlijk aantal willekeurig gevormde woorden : anthropométrie, anthropofaag, fonograaf, gramofoon, orografie, orthodoxe, zoophiet. Worden ze daardoor kunstmatig ?

---

Per tramoj kaj en kelkaj minutoj, ili eliris tion, kio ĉiam nomiĝas la « Nigra Lando ». por eniri veran oazon de verdaĵo, flanke de kaj ĉirkaŭ du agrable lokitaj lagetoj, kies freŝeco, jam de l'mateno, allogis multajn vizitantojn.

Dum tuta tago, la partoprenintoj tie restadis, sub la ombro de la arboj, naĝante, remante, promenadante ĝis la etaj Sarazenaj grotoj, kiujn ili surgrimpis; kaj por ĉiuj la horo de la disigo multe tro frue sonoris. Ĉiuj estis tamen trovintaj lastan sed bonegan okazon por interŝanĝi ideojn kaj kompari situaciojn en la diversaj partoj kaj urboj de la lando.

S-ro Jaumotte, lastfoje kaj nome de ĉiuj, dankis la L. K. K.-anojn, kiuj akompanis ilin kaj ĝis la lasta momento restis kun ili, kaj aplaŭdigis la nomojn de S-roj Juste kaj Paulus.

Kaj en la vagonaroj, ĉiuj ankoraŭ longtempe babilis pri la belaj, tiel rapide forflugintaj tagoj kaj estas evidente, ke la plimulto jam certe partoprenos la kongreson de proksima jaro, kien ajn invitos ilin la Ligestraro.

Ili cetere ne devos atendi longtempe por ion scii pri tio. En proksima kunsido, decido tiurilate estos alprenata.

Adiaŭ kaj kora rememoro al la 32a ! Ekvivu la 33a !

Maur. JAUMOTTE.

*
* *

## FOTOGRAFAĴOJ DE LA KONGRESO

**Ni memorigas ke la belaj fotografaĵoj de la kongresanoj sur la ŝtuparo de la impona Urbdomo de Charleroi, povas ankoraŭ esti mendataj ĉe S-ro Nestor Molle, Place de l'Eglise, 10, en Luttre.**

**La prezoj estas Fr. 25 por la formato 13×18, Fr. 50 por la formato 18×24, Fr. 75 por la formato 24×30 kaj Fr. 125 por la formato 30×40.**

## HONORIGO

Kun plezuro ni eksciis pri la fakto ke nia Liga Prezidanto D-ro Paul Kempeneers, inspektora kuracisto de la lernejoj de Uccle, akiris la Civilan Medalon de I-a Klaso pro 25jara bona kaj lojala dejoro.

Ni prezentas al nia Prezidanto niajn plej sincerajn kaj korajn salutojn.

---

Zamenhof heeft de elementen van zijn Esperanto geput uit de Europese talen: hij heeft aan de gekozen stamwoorden enkel de hoogst nodige veranderingen gebracht om de schrijfwijze volledig in overeenstemming te brengen met de gesproken taal; hij vertaalde « vogel » door « birdo », « lam » door « lama », « kat » door « kato », « hond » door « hundo », « fabriek » door « fabriko », « gemakkelijk » door « facila », « rook » door « fumo », « stoom » door « vaporo », « glas » door « glaso ».

Zamenhof « maakte, fabriceerde » de stamwoorden niet; hij heeft ze oordeelkundig gekozen.

Vele spraakkundige verwikkelingen zijn tot het nauwkeurig en genuanceerd uitdrukken der gedachten overbodig; Zamenhof heeft ze weggelaten.

Het gebruik van voor- en achtervoegsels is, in de « natuurlijke talen », echt chaotisch geworden; met het doel het geheugen enkel met een betrekkelijk klein aantal stamwoorden te belasten, heeft Zamenhof het gebruik der voor- en achtervoegsels algemeen gemaakt en uiterst nauwkeurig bepaald.

Hij heeft uit al de nuttige elementen der Europese talen een samenvatting, een synthesis getrokken, die volmaakt regelmatig is. In één woord, Zamenhof heeft orde gebracht in een grote wanorde.

Indien men wil aannemen dat « natuurlijk » betekent « onnodig ingewikkeld », en dat « kunstmatig » betekent « nuttig vereenvoudigd », dan willen wij ook zeggen dat het Esperanto « kunstmatig » is.

Wij hebben vroeger reeds (Bulteno, April 1947) aangetoond dat de werken van beroemde dichters gans in Esperanto-verzen vertaald zijn, die het rythme der oorspronkelijke verzen volledig bezitten. Dit beduidt dat het ongerijmd is het Esperanto te beschuldigen van « stijfheid »; weinige zogezegde « natuurlijke talen » bezitten zulke buigzaamheid.

Stoot het Esperanto zich aan het leven der spraak ? In 1923 zijn twee boekdelen in-8° van 300 bladzijden ieder in Esperanto-tekst verschenen, getiteld « Belga Antologio », en bestemd om in het buitenland de Belgische letterean te doen kennen door het Esperanto. Een dezer, de Vlaamse letterkunde betreffend, bevat de vertalingen, door heer H. Vermuyten en zijn medewerkers, van niet alleen uittreksels uit moderne werken, doch ook uit geschriften der XIII$^{de}$, XIV$^{de}$, XV$^{de}$ en XVI$^{de}$ eeuw, vanaf Reynaert de Vos en de Legende van Beatrijs, tot het Wilhelmslied van Marnix van Sinte-Aldegonde. Esperanto geeft er zo wel de teksten uit de Middeleeuwen als deze uit de XX$^{e}$ eeuw in weer. Het mag dus niet gezegd worden dat « de stramheid van het Esperanto zich stoot aan het leven der taal ». Wel integendeel ! Zijn buigzaamheid is echt merkwaardig.

Dat men het Esperanto bestudere, hetgeen gemakkelijk is, en dat men zich vertrouwd make met zijn letterkunde: dan zal men er over kunnen spreken en oordelen met kennis van zaken.

Vertaald door J. Nachtergaele.

---

# Junular-Gastejoj

Ni Esperantistoj, kiuj deziras altiri al ni la junularon, ĉar ĝi por nia movado reprezentas la estontecon, tute kompreneble havas ankaŭ intereson por ĉio kio rilatas tiujn gejunulojn.

Kaj multaj el niaj legantoj, kiam ili vidis laŭ la vojoj tiujn geknabojn, kiuj elforkuris la urbojn dum la libertempo, demandis al si, kiamaniere tiuj ĉi organizas sian vivon dum tiuj por ili ĝojplenaj tagoj.

Kaj ili certe jam ekscis, ke tiu vivo, dum la lastaj jaroj precipe, estis multe plifaciligata per la organizo tra la mondo de vera reto de Junular-Gastejoj, kiuj estas, — kiel por ni la esperantaj grupoj, — la hejmo al kiu ili estas altirataj.

Malmultaj tamen konas la historion de tiuj junulargastejoj.

Estis en la komenco de nia jarcento, ke ekfloris en Germanujo kaj precipe en la centro de Berlino, surpriziga forta Junular-movado, kies celo estis plenvola, iom abrupta rompo kun la tradicia kaj altrudata vivmanero en la grandaj urbaj aglomeracioj. Gejunuloj, forlasintaj la vantecajn allogaĵojn de la urboj, kontraŭaj al ties devigoj, foriris kune, aventuremaj, laŭlonge de la grandaj vojoj. Oni vidis ilin ĉie, kun mallongaj pantalonoj, kun la haroj en kaj la brustoj turnitaj al la vento, kiuj preparis siajn manĝojn apud la fosaĵoj; kiuj dormis en la arbaroj aŭ petis al kamparanoj la gastigon por la nokto. En Germana lingvo tiuj nomiĝis « Wandervögel ».

En tiu tempo, juna instruisto Richard Schirrmann skribis : « Mi ekkonis la mizeron de la gejunuloj en grandaj urboj. Apenaŭ unu kvadratmetro da tereno por la infanaj ludoj. Kiom pli feliĉaj estas la vilaĝaj burĝaj infanoj. Sed kie estas la rimedo ? Ni klopodu por ke la urbaj infanoj ankaŭ povu ekkoni la ĝojojn de la libereco kaj la belecon de la naturo. La junularo de la tuta popolo devas vojaĝi laŭlonge de la vojoj. »

Kaj tiel naskiĝis la ideo de la Junular-Gastejoj. Jam en 1910 Richard Schirrmann konstruis planon por organizi en la tuta lando ejojn speciale aranĝitajn kun la celo iĝi rifuĝejoj por la gejunuloj, kiuj laŭiradas la vojegojn. (En 1917 estis jam 17 tiaj gastejoj. En 1914 200 el ili permesis 21.000 gastig-noktojn.) La unua gastejo naskiĝis en malnova fortikaĵo en Burg-Altena.

Post la unua mondmilito centoj da gastejoj baldaŭ akceptis la junularon, kiu emegis al nova vivo en kontakto kun la naturo.

Sed ne nur en Germanujo ekfloris tia movado. Jam en 1920 aliaj landoj ankaŭ malfermis Junulargastejojn. Kelkaj nacioj havis la bonegan ideon meti la J. G. sub la kontrolo de la Ŝtato. Tiel okazis en Ĉeĥoslovakujo kaj Polujo. Ĉie alie tamen ili naskiĝis dank'al privata iniciativo kaj organizemo.

En Svisujo la movado naskiĝis en 1925. En Nederlando en 1929. Tiu ĉi lando estis certe tiu kie, krom Germanujo, la Gastejoj konis la plej belan disvolviĝon. En Anglujo la movado naskiĝis en 1931 same kiel Belgujo, kie unue flandra komitato kaj tuj poste valona akiris ek de la komenco brilan sukceson.

Jen la lando kiuj posedis J. G. en 1939 : Belgujo, Britujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Estonio, Finlando, Francujo, Germanujo, Indo-Ĥinujo, Irlando, Kanado, Letonio, Luksemburgo, Nord-Afriko, Norvegujo, Nov-Zelando, Polujo, Rumanujo, Skotlando, Svedujo, Svisujo kaj Usono.

La J. G.-ligoj de la diversaj landoj faris interkonsentojn kaj tiel stariĝis la Internacia Unio de la Junulargastejoj.

En 1939 tiu ĉi grupigis 25 Asociojn kiuj kalkulis milojn da J. G.-anoj en la tuta mondo.

Tio permesis esperi la baldaŭan realiĝon de grandioza sonĝo : la ekfunkciigo, ĉirkaŭ la tuta terglobo, de senfina kaj senlima reto da J. G., kiu estus permesinta al la gejunuloj, piede trakuri la tutan mondon, same malmultekoste, same sekure, same ĝojplene kaj libere, kvazaŭ se ili estus restintaj ĉirkaŭ sia preĝeja turo.

La milito malfeliĉe frakasis tiun esperon... kun multaj aliaj.

Sed, en sekvonta artikolo ni tamen reparolos pri la movado de la J. G. en nia lando kaj ties restarigo post la milito.

Intertempe ni volas substreki ke la direkcia komitato de la organizo en nia lando ankaŭ komprenis la utilon de Esperanto por gejunuloj, kiuj volas trakuri la mondon.

Kaj le ĵusaperinta Jarlibro de la flandraj J. G. por 1948 enhavas sur la dua kovrilpaĝo klarigan liston de la en la organizacio uzataj mallongigoj kun traduko en flandra, franca, angla, germana kaj esperanta lingvoj.

Kaj ni ne volas preterlasi la okazon por gratuli la gvidantojn pro tiu ĉi iniciativo, kiu certe altiros la atenton de multaj gejunuloj al problemo, kiu povas esti tre utila al ili, nome la havigo al si de facila interkomprenilo, nia kara lingvo ESPERANTO.

## BELGA KRONIKO

**MEMBRO BONFARANTA AL LA LIGO. — Estas la nomo de tiu membro de la Ligo, kiu krom la kotizo kiun li ĝis nun pagis, faras ankaŭ malgrandan donacon, por permesi al la Ligo fari pli grandskale sian laboron.**

**Ĉu vi jam estas « bonfaranta membro »?**

**Se ne, turnu vin al via kasist(in)o, kiu helpos vin eniri la vicon de tiuj subtenantoj de nia Ligo.**

ANTVERPENO. — *La Verda Stelo.* — Ĉiu vendrede, je la 20,30 horo, en salono « De Witte Leeuw », 4, Frankrijklei (1-a etaĝo), semajna kunsido kun programo, pri kiu informos la tagaj ĵurnaloj.

BRUSELA GRUPO. — *Programoj de la venontaj kunsidoj.* — Ejo : rue au Beurre, 40, Boterstraat, Bruselo. Horo: la 20-a.

*Aŭgusto :* la 2an. parolata ĵurnalo; la 9an. F-ino Kestens, « Amuza vespero »; la 16an. ne okazos kunveno; la 30an. S-ino Ernst, « Raporto pri universala kongreso en Malmöe kaj vojaĝo tra Eŭropo ».

*Septembro :* la 6an. parolata ĵurnalo; la 13an. S-ino Stern, « Vulkanoj kaj tertremo »; la 20an. S-ro Everaerts, « Originalaĵoj »; la 27an. S-ro Castel, « Gramatika vespero ».

*Oktobro :* la 4an. parolata ĵurnalo; disdono de premioj al premiitaj verkaĵoj; la 11an. S-ro Oleffe, temo fiksota.

## ANONCETOJ

— JAUSORO, Felix, Juzgado 1-a Instancia N. 3, BILBAO, deziras interŝanĝi poŝtmarkojn.

— I. VIEIRA, R. da Rochinha, 17, Funchal (Madeira, Portugalujo), deziras korespondi kun 23 ĝis 29-jara fraŭlino.

— Lucien LOCHES, franca fervojisto, 30-jara, deziras korespondi kun anino de Belga Ligo, eventuale kun fervojistino. Li certe respondos. 48, rue de Cronstadt, Parizo.

*Loĝado por turistoj.* — S-ro Loeckx, delegito de U. E. A., Konijnenperk, 107, Bruselo (Bosvoorde), sciigas ke, kun helpantoj, li estas preta havigi al interesiĝantoj turismajn broŝurojn pri Belgaj urboj; li akceptas klopodi por loĝado en hoteloj aŭ ĉe samideanoj (kontraŭ kompenso). S-ro Loeckx ankaŭ sin okupas pri reciproka gastado inter esperantistoj; li serĉas lokajn helpantojn.

## TRA LA GAZETARO

— El *Svenska Esperanto-Tidningen.* — La Sveda registaro asignas jaran subvencion de 5.000 kronoj por aranĝo de esperanto-lecionaroj por instruistoj. Plie tiun ĉi jaron, ĝi asignas 10.000 kronojn al la L. K. K. de la Universala Kongreso en Malmö. Belgaj esperantistoj demandas kiam la Belga registaro estos tiel malavara por Esperanto? Verŝajne kiam la Belga registaro vidos ke multaj belgaj esperantistoj montros *ofte kaj publike* ke ili estas kapablaj tre bone uzi E. pot seriozaj aferoj.

— Danke al nia senlaca pionirino S-ino Elworthy-Posenaer, *Le Matin* (Antwerpen) aperigis detalan raporton pri la Kongreso de Charleroi.

Ankaŭ *De Nieuwe Gazet* presis en du sinsekvaj numeroj multajn detalojn, alsenditaj de nia vicprezidanto.

— Danke al nia samideano G. Petitjean, en Ciney, *Les Nouvelles du Condroz* (11-IV-1948) enhavas redaktajon « Evolution des langues », de C. V., kiu aperis originale en nia Bulteno de Decembri 1947.

— *Demain* kaj *Wereldspiegel* reprenis la redaktaĵon pri la internacia hepa lingvo, kiun nia samideano Sielens verkis por *Morgen.*

— *Le Courrier du Littoral* (4-IV-1948) enhavas tradukon el *Heroldo de Esperanto*, faritan de nia samideano Paul Benoit en Oostduinkerke, pri la malfacileco de vojaĝoj, pro pasportoj.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Generala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Adv. A. JUSTE, Fleurus.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Helpa Kasistino :* S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

**(IEL kaj UEA kunigitaj)**

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... ... ... . . ... fr. 75
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... ... 35

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro :*
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 120
b) *Membro Abonanto :*
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 185
c) *Membro Subtenanto :*
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imprimerie LIELENS, s. p. r. l., rue de la Princesse, Bruxelles. - T. 21.10.98